# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 96**

Bulteno de KAEM

Julio 2017

---------------------------------------------------------------------------------------

## La 102a UK en Seulo sukcesis

Inter la 22a kaj la 29a de julio 2017 okazis la 102a UK en Hankuk-Universitato de Fremdaj Studoj en Seulo. En ĝi partoprenis 1173 homoj el 62 landoj. Ĝi havis riĉan programon, kaj kvankam forte pluvis en la tago de Inaŭguro kaj estis varmege tutan semajnon, ĉiuj ĝuis la kongreson en la varma korea etoso.




**La prezidanto de UEA, Mark Fettes, salutas.**

# Azia Agado, plena de partoprenantoj




**Maldekstre staras s-ro LEE Jungkee (estrarano de UEA) kaj dekstre s-ro Inumaru Fumio (vicprezidanto de KAEM).**

Dum la 102-a UK en Seulo KAEM partoprenis en Movada Foiro, administris siajn kunsidojn (publikan kaj fermitan), organizis Ekskurson de Azia Karavano 2-a kaj kunorganizis Internacian Artan Vesperon kaj Azian Vesperon. Mi raportu koncize pri tiuj.

**1/ Movada Foiro**: La 22an sabate inter 19h00 kaj 20h30

Ni montris mapon de Azio sur la tablo (najbare de irana kaj afrika agado) kaj alvokis al abono de la bulteno "Esperanto en Azio", disdonante glumarkojn, kiujn d-ro So Jinsu preparis. Almenaŭ unu promesis la abonon. (Foto)



**2/ Publika kunsido de KAEM**: La 25an marde inter 12h15 kaj 13h45 en salono Selten.

Pli ol 70 ĉeestis el 23 landoj. 15 reprezentantoj raportis de regiono al regiono el Israelo, Irano, Uzbekio, Pakistano, Barato, Nepalo, Vjetnamio, Indonezio kun junulala movado, Tajlando, Filipinoj, Orienta Timoro, Japanio, Koreio, Tajvano kaj KAEM. Bedaŭrinde mankis tempo por libera diskuto malgraŭ antaŭa plano kaj prezento de ĉeestantaj KAEM-anoj. Ĉeestis ankaŭ s-ino Veronika Poor, ĝenerala direktoro de UEA. Etoso estis tre bona laŭ ĉeestintoj. Ni povis kompreni, kiel niaj kolegoj movadas tra vasta Azio. Komence salutis s-ro Lee Jungkee, estrarano de UEA respondeca pri azia agado, poste s-ro Inumaru, vicprezidanto, prezidis, kaj finsalutis d-ro So Jinsu, la prezidanto. La enhavon mem mi prezentu en alia numero.

**3/ Ekskurso por anoj de Azia Karavano 2-a kaj iliaj amikoj:** la 26an merkrede inter 09h00 kaj 20h00.

La ekskurson planis kaj gvidis d-ro So Jinsu kaj finance subtenis s-ino Yun Shinja.



Per publika aŭtobuso ni 25-ope veturis al la centro de Seulo, Avenuo Sejon, vizitis la palacon Gjongbokgu kaj nacian muzeon de moderna arto kaj per subtera linio veturis kaj piede kaj telfere supreniris al Turo Seulo sur Namsan, kie ni ĝuis panoramon de la urbo. Ni promenis, babilis, tagmanĝis, fotiĝis, kaj pli bone konatiĝis, kune ĝuante la ekskurson.

**4/ Fermita Kunsido de KAEM**: La 27an ĵaŭde inter 12h00 kaj 12h45 en salono Blanke.

Ĉeestis kvin anoj de KAEM kaj tri reprezentantoj, kiuj anstataŭis sian anon de KAEM. Ses observis la kunsidon. Ni diskutis unue la nomon de la komisiono, al kiu nove aliĝis Aŭstralio kaj Novzelando. Plimulto da voĉdonoj, 5 el 8, iris al KAOEM. Ili lasis la aferon al tri estraranoj de KAEM. Due ni decidis la daton de la 9-a Azia Kongreso okazonta en Danang, Vjetnamio en 2019 el du proponoj de VEA. Decidita estas de la 25-a (ĵaŭdo) ĝis la 28-a (dimanĉo) de aprilo 2019. La kandidata temo estas "Azio kaj Aziaj lingvoj". Planu vian partoprenon.

**5/ Internacia Arta Vespero kaj Azia Vespero**: La 28an vendrede inter 20h00 kaj 22h00 en salono Zamenhof.

D-ro So Jinsu kaj s-ino Li Hyonsuk preparis la programon de la vespero. Variis la enhavoj: gestudentoj dancis kun K-pop-muziko, luktistoj prezentis sian arton, kantis aŭ/kaj dancis kulture gesamideanoj japanaj, koreaj, armenaj, franca, indoneziaj, litovaj, filipinaj, mongolaj, ĉinaj, tajvanaj, vjetnama kaj nepalaj. Prezentiĝis ankaŭ fasona spektaklo de vjetnamoj, taja fluto-ludo, kantoj de internacia koruso kaj ĵonglado de orient-timorano. Ni ĝuis buntajn riĉajn kulturaĵojn.

**6/ Alie**

D-ro So Jinsu plenumis ankaŭ diversajn taskojn por UK mem, inkluzive de fotado. Kiel membro de FFT (Foto-Filmo-Teamo) li redaktis serion da filmoj, kiujn oni povas vidi sur 'Youtube'. El ili oni povas spekti okazaĵojn de KAEM kaj de la Vesperoj.

S-ro Inumaru klopodis aŭskulti voĉojn de movadanoj el aziaj landoj ankaŭ en haletoj kaj en koridoroj. Li kuraĝigis gejunulojn el sud-orientaj landoj al kunlaboro inter ili.

(INUMARU Fumio)

**Rim.**

FFT (Foto-Filmo-Teamo) prezentas jenajn jutubojn pri la 102a UK

1. Solena Inaŭguro
https://www.youtube.com/watch?v=eFmTnpEelFs
2. Pontkunveno, Kunvenoj kaj koncertoj, ILEI, SAT, Ŭonbulismo, Spertoj pri koreaj kulturoj
https://www.youtube.com/watch?v=3tuSjUwaf4A
3. Movada Foiro, Futbalmatĉo, Aŭkcio, Bankedo, Kongresa Balo, Memorfoto
https://www.youtube.com/watch?v=fNNFMI1CcZ8
4. Nacia Vespero
https://www.youtube.com/watch?v=N1f-L-QueOQ
5. KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado)
https://www.youtube.com/watch?v=Zai1sdLyj_Y
6. Himno de Ĝojo, 100 Folioj da Ridoj
https://www.youtube.com/watch?v=k8l88s7Ux-I
7. Internacia Arta Vespero + Azia Vespero
https://www.youtube.com/watch?v=DIzt4CyPoAo
8. Malneta resumo
https://www.youtube.com/watch?v=vuUYa3f7rwg

# Raporto pri la 90-a SAT-Kongreso

La 90-a Kongreso de SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda) okazis de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto en la urbeto Gimpo, apud Seulo, Koreio. Dum la semajna kongreso 105 kongresanoj el 23 landoj el 6 kontinentoj plenplene ĝuis liberecan kaj sennaciecan etoson de la kongreso, kiu estis unuafoje okazigita en Azio.

Pli ol 20 prelegoj estis preparitaj por la kongresanoj. Krom la tagoj de la kongresa ekskurso, energiaj prelegoj kaj intensaj diskutoj daŭris dum la kongreso pri jenaj temoj: Veganismo, Nuklea akcidento en Fukuŝimo en Japanio, Evoluo de A.I. (Artefarita Inteligento) kaj ĝia influo al socio, Kandelluma Revolucio en Koreio dum 2016~2017, Absoluta demokratio – Demokratiigo de Ĉiuj Demokratioj, La Rusa Revolucio en 1917, Pri Unuiĝo de Nord- kaj Sud-Koreio, Influo de Pejzaĝo,

Esperanto-Movado, Lingvaj Problemoj, Nuntempa Monda Kapitalismo, Nuntempa situacio de Kubo kaj D.R.Kongo, Fak-agado en la Reto (Fejsbuko) ktp.

Samtempe okazis laborkunsidoj de SAT, en kiuj estis proponitaj diversaj opinioj pri la administrado kaj evoluplanoj de la SAT-movado, kaj kunsidoj de diversaj frakcioj de SAT, kiaj Sennaciista, Liberecana, Vegetara, Komunista, Verdula ktp.



Multaj prezentaĵoj, kiaj Korea Folklora Danco de Espera Mondo, Koncerto de la familia muzikgrupo el Litovio Sepa Asorti, Komedio "La Malfermilo", Aŭkcio per Esperantaĵoj, Korea Opero “Ariari”, Japana Te-ceremonio, Muzikado de diverslandaj muzikiloj, Revoluciaj kantoj ktp, gajigis la ĉeestantojn ĉiuvespere.

La 90-a SAT-Kongreso finiĝis esprimante esperon pri kiel eble plej rapida okazigo de la duafoja SAT-Kongreso en Azio. La SAT-flago estis transdonita al la reprezentanto de la urbo Kragujevac de Serbio, kiu gastigos la 91-an kongreson en 2018.

OKK (Organiza Kongresa Komitato) de la 90-a SAT-Kongreso

# Irano

## La 4a Irana Esperanto-Kongreso Sukcese Okazis



Esperanto-movado en Irano marŝadas antaŭen. La 5-an de majo 2017 en Teherano okazis la kvara Irana Esperanto-Kongreso (IREK-4), en kiu partoprenis 35 geesperantistoj el diversaj partoj de Irano. La kunveno komenciĝis je la 9a horo matene per la himnoj de Irano kaj Esperanto, sekve per inaŭguraj salutmesaĝoj de enlandanoj kaj eksterlandanoj.

La unua prelego de la kongreso estis dediĉita al la ugandaj vojaĝimpresoj, kiun atentokapte prelegis vicprezidanto de IREA, d-ro Keyhan Sayyad Pour. Sekvis la programero temanta pri interesaj rakontoj, kiujn prelegis vicprezidanto de IREA, s-ro Amir Fekri. "La Plibona Lingvo" estis la nomo de la artikolo, pri kiu en la sekva programero prelegis prezidanto de IREJO, d-ro Hamed Sufi; La artikolo temis pri kritikaj vidpunktoj ĉirkaŭ la nuntempa situacio de lingvo Esperanto; tiucele multaj proponoj kaj lingvistikaj sugestoj prezentiĝis.

La kongresprelegaro daŭris per profesia prelego de d-ro Zahra Karimi pri ekonomia situacio de iranaj virinoj tra la lastaj jardekoj; statistike plenplena je faktoj kaj figuroj, la prelego instigis ardajn diskutojn ĉirkaŭ la temo. Sekve, prezidantino de IREA, s-ino Nazi Solat, prezentis kortuŝan kaj samideanecoplenan vojaĝraporton pri sia partopreno en la 10-a Mezorienta Esperanto-Kunveno en Kartvelio. La prelego estis ege motiva kaj inspira por kongresanoj, precipe por komencantoj. S-ro Saeed Abbasi, laborante kiel ĉiĉerono en Ĉinio, prezentis la venontan prelegon temantan pri siaj spertoj kaj impresoj en la lando. Interesaj faktoj tiurilate kortuŝis la partoprenantojn, speciale pro lia altnivela kapablo je parolado en Esperanto.

Sekvis interesa kaj amuzplena parto: aŭkcio de esperantaĵoj. D-ro Sayyad Pour kunhelpe de a-ro Surush Mohammad Zade (direktoro de la kongreso) aŭkciis esperantajn librojn kaj revuojn (apartenantajn al IREA-a librejo) por finance subteni IREA-on. Notindas, ke tia ĉi programo estis organizita por la unua fojo en Irano. Preskaŭ ĉiuj esperantaĵoj estis venditaj.

Daŭris la kongreso per interesa artikolo temanta pri lingvistikaj reciprokaj rilatoj inter naciaj lingvoj kaj Esperanto, kiun prezentis eks-prezidanto de IREA, s-ro Ahmad Reza Mamduhi. La sekva programero estis esperigaj novaĵoj pri la aktivado de junulara movado en Irano; buntaj laborgrupoj ĉe Irana Esperantista Junulara Organizo (IREJO) kaj kolorplenaj produktoj koncize prelegiĝis per prezidanto de IREJO; ĉiuj tiuj ĉi atingaĵoj jam oficiale estas anoncitaj ĉe la oficiala retejo de la organizo (irejo.ir).

Alia programero, kiu estis organizita por la unua fojo en Irano, temis pri la unua Irana Literatura Esperanta Konkurso (ILEK-1), kiun okazigis IREJO. Ĉiuj verkaĵoj kaj la konkursaj rezultoj deklariĝis oficiale ĉe la fino de la kongreso. Finfine je la 17-a horo, kongresanoj estis komune fotitaj, kaj poste disiĝis, esperante la denovan revidon.

Raportis: Hamed Sufi (Reprezentanto de KAEM en Irano)

## Japanio

# Plano de la 104a Japana Esperanto-Kongreso

Dato: la 3a-5a de novembro 2017
Loko: Urbo Jokohamo, Gubernio Kanagavo
Kongresa temo: Haveno peras, Esperanto peras

**Kotizoj**
1. Loĝantoj en Japanio (inkl. eksterlandanojn)
   7 000 enoj (de la unua de aŭgusto 2017)
2. el aliaj landoj: 2 000 enoj
3. Pri ceteraj kotizoj (handikapuloj, junuloj, lernantoj, moralaj partoprenoj ktp) demandu Japanan Esperanto-Instituton

Hoteloj: mendu persone
Bankedo: 7 000 enoj.    Foto: 1 000 enoj
Lunĉoj: en la 4a kaj 5a de novembro, 1000 enoj potage
Turismo: nun planata (poste ni informos vin!)

**Kongresaj memoraĵoj (laŭ plano)**
1. Gvidlibro pri Jokohamo kaj ĝia ĉirkaŭo (provizora titolo).
2. Kanagavo kaj Esperanto (en la japana lingvo)

**Provizoraj programeroj**
la 3a de novembro (vendredo, ferio)
   13:00 : akcepto, fakaj kunsidoj, 18:00: Amika Vespero
la 4a de novembro (sabato)
   09:15: malfermo, fakaj kunsidoj, prelegoj (Esperante, japane)
   13:00: fakaj kunsidoj, prelegoj (Esperante, japane)
   18:30: bankedo
la 5a de novembro (dimanĉo)
   09:15: fakaj kunsidoj, prelegoj (Esperante, japane),
   14:00: fermo, 15:00: postkongresa ekskurso

**Pri pli detalaj informoj** jek2017@jei.or.jp, http://www.jei.or.jp/

## Organo en Jokohamo markas 500-an n-ron

La organo de japana loka organizo NPO Esperanto Jokohama, nomata "La Tamtamo" markis sian 500-an n-ron en julio, ekde la n-ro 1 en 1967.

Nun la tute esperantlingva organo "Novaĵoj Tamtamas" iras internacie, tial "La Tamtamo" estas preskaŭ japanlingva ekde 1989. La organoj vartis Jokohaman Esperanto-Rondon, kaj daŭre estas organoj de la nuna NPO, konvertita de tiu rondo en 2015 kiel jure registrita organizo.

Cetere, tiu NPO estas la sola loka esperanta organizo kun jura statuso, krom du organizoj kun jura statuso: Japana Esperanto-Instituto kiel tutjapana organizo kaj Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj kiel regiona organizo. (Sibayama Zyun'iti)

## La 7a Publika Prelegkunveno memore al Japana Tago de Esperanto

“Japana Tago de Esperanto” estas la 12a de junio, ĉar la 12an de junio 1906 fondiĝis Japana Esperantista Asocio. Ĉi-jare okazis la 7a Publika Prelegkunveno memore al Japana Tago de Esperanto, kiun organizis Japana Esperanto-Instituto (JEI) la 10an de junio. Prelegis profesoroj Kimura Goro Christoph (Sophia-Universitato) kaj Ito Tetsuĵi (Universitato de Ibaraki).

Prof. Kimura prelegis pri “Kial ni ŝpareme uzu la anglan? Vojoj por eliri el troa dependiĝo de la angla lingvo”, kaj proponis kelkajn vojojn por objektive kompreni nunan situacion en la mondo.

Prof. Ito prelegis pri “Legopovo bezonata de reta socio”, en kiu li montris, kiel perreta komunikado estas uzata por reklamado kaj informado, kaj atentigis, ke ni ne reagu senpripense pri intencitaj celoj.

Salutis s-ro Jaroslaw Waczynski de Pola Kultura kaj Informa Centro pri la 100-jariĝo post la forpaso de L.L.Zamenhof. Prezidis la kunvenon s-ro Suzuki Keiichiro, prezidanto de JEI, kaj ĉeestis 64 homoj en Esperanto-Domo, Tokio.

Syozi Keiko (Ĝenerala Fako de JEI)

## La 47a Internacia Esperanto-*Sumoo*

De la 2a ĝis la 9a de julio 2017 okazis la 47a Esperanto-*Sumoo* kaj en ĝi partoprenis 335 homoj el 31 landoj. Koreio okupis la unuan lokon kun 102 partoprenantoj kaj ili ĉiuj perfekte venkis sen malvenko. La dua estis Japanio (66), la tria, Francio (35), la kvara, Brazilo (18), la kvina, Pollando (17), la sesa, Vjetnamio (14) kaj la sepa, Rusio (13).

Dum la pasinta jaro Koreio partoprenigis multajn membrojn, konsiderante, ke la *Sumoo* estas bona rimedo por sukcesigi la UK en Seulo. Jam finiĝis la UK. Espereble ne malaperu entuziasmo de koreoj al la *Sumoo* kaj ili daŭre partoprenu en ĝi.

La 48a Internacia Esperanto-*Sumoo* okazos ekde la 10a ĝis la 24a de septembro. En ĝia historio partoprenis neniu el Filipinoj, Pakistano, Taĝikio, Israelo kaj Novzelando, tial la prizorgantoj de la *Sumoo* atendas partoprenon el tiuj landoj.

Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

*Sumoo* en Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

Fejsbuko:
https://www.facebook.com/groups/759066970888217/?fref=ts

## Tri eldonaĵoj en Japanio

### Nova infanlibro “La nanoj en domo kun granda zelkovo”

En julio eldonita de Japana Esperanto-Instituto estis “La nanoj en domo kun granda zelkovo”, verkita de Inui Tomiko kaj tradukita de Itabaŝi Micuko, kiel A5-formata 208-paĝa libro, kun multaj ilustraĵoj kaj klarigoj pri japanaj aĵoj. La prezo estas 9 eŭroj ekster Japanio.

La enhavo estas esence fantazia: familio de nanoj vivas helpate de homa familio. Sed kiam kaj kie ili vivas? Ili vivas en Japanio, implikita en la Dua Mondmilito, venkita kaj renoviĝanta. Sed realisme rakontita estas la vivo de la homoj --- premo de militismo, malfacila vivo en Tokio kaj en montara regiono. Tial bona dokumento pri la popola historio japana. (Sibayama Zyun'iti, la Eldona Fako de JEI)

# Du novaj libroj de s-ro Hori







Lastatempe s-ro HORI Jasuo eldonis du librojn.

La unua estas "Raportoj el Japanio 20". (A5-formato, 238 paĝoj, Esperante, 15 eŭroj). Ekde la jaro 1998 li eldonadis seninterrompe tiun libron. En la libroj li skribis pri diversaj aferoj troviĝantaj kaj okzantaj en Japanio, sed ekde la jaro 2011, kiam okazis granda tertremo, cunamo kaj nuklea akcidento, li ĉefe skribadas pri tiuj temoj.

La dua estas "Urboj de *sumoo*istoj tra la mondo" (A4-formato, koloraj 32 paĝoj, Esperante, 5 eŭroj, redaktita de s-ino Arase Sajuki). Hori iniciatis la legkonkurson « Internacia Esperanto-*Sumoo* » ekde la jaro 2009. En tiu *Sumoo* partoprenas pli ol 350 homoj el pli ol 30 landoj. Hori havis intereson pri tio, en kiaj urboj ili loĝas, kaj li kolektis 30 eseojn pri la urboj. Tre bela libro, leginda en viaj kluboj.

Ambaŭ libroj estas aĉeteblaj ĉe Libroservo de UEA, JEI kaj KLEG, aŭ vi rekte mendu ilin ĉe s-ro HORI: hori-zonto@water.sannet.ne.jp

**Ĉinio**

# Informo pri Strategia Forumo

'Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado' okazos en Ĉinio, oktobre. Antaŭ du jaroj (2015.4.20) UEA havis kunsidon en la urbo Hangzhou, Ĉinio kun la nomo 'Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado', kiu estis prezidita de d-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA. Kiel tiama okazo, li vizitos la urbon Huzhou, Zhejiang-provinco, Ĉinio la 22-an de oktobro 2017 por ĉeesti en la malferma ceremonio de Filmo-Festivalo (http://esperanto.cri.cn/teokajamo2016e/), kiu estas aŭspiciata de UEA, Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia kaj pluraj ĉinaj instancoj. Profitante lian viziton, okazos 'Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado', en kiu ĉeestos landaj reprezentantoj de Orienta Azio kaj KAEM-gvidantoj. Jen detala informo pri la kunsido,

1. Kiam: 2017. 10. 23 (lundo)
   Unua Sesio: 10:00 – 12:00 / Strategio de UEA kaj nuna situacio de tutazia movado (Mark Fettes / LEE Jungkee)
   Dua Sesio: 14:00 – 17:00 / Diskuto pri landa movado en Orientazio (Reprezentantoj de landaj asocioj)
   La reprezentanto de la landaj asocioj prezentu sian landan movadon respektive dum 10 minutoj maksimume kaj sekvos diskuto.
   (* Tiuj, kiuj volas ĉeesti en la malferma ceremonio (22-an de oktobro matene) de Filmo-festivalo, jam devas esti en Hangzhou en la 21-a de oktobro.)
2. Kie: Huzhou, Ĉinio (proksima de Hangzhou)
3. Celo: Diskuto pri Esperanto-movado en Orientazio lige al la strategio de UEA
4. Limdato por aliĝo
   Tiuj, kiuj volas ĉeesti en la kunsido sciigu sian aliĝon ĝis la 31-a de aŭgusto, 2017.
5. Demandoj pri tiu ĉi forumo turniĝu al la prizorganto LEE Jungkee (leejungkee@khu.ac.kr) kaj pri akcepto kaj restado al s-ino ZhangPing Esperanto-nomo Ĝoja / perfectgoja@163.com/tel:86-10-68891795 ).

LEE Jungkee (estrarano de UEA pri Azia movado)

**Barato**

## La 4a SUd-Azia Seminario (SAS-4)

### La 13a-16a de oktobro 2017, Bengaluro, Barato

https://baratejo.wordpress.com/sud-azia-seminario/sas4barato/

Temo: Loka kulturo – Monda civitano
Kiam: Vendrede la 13an ĝis lunde la 16an de oktobro 2017
Kie: Indian Social Institute, Bengaluro, Barato
Aliĝilo: SAS-4 aliĝilo (http://bit.ly/sas4-alighilo)
Aliĝkotizoj: La kotizoj varias depende de la loĝlando de la aliĝanto, laŭ la jena grupigo:

A-Landanoj: 20 eŭroj B-Landanoj: 10 eŭroj

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj de kategorio B.

B: Ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko), Afriko kaj Latina Ameriko.

*La kotizoj estas pagendaj surloke en Bengaluro, dum SAS-4.

*Bonvolu noti, ke aliĝontoj devus krome pagi (rekte al la SAS-ejo, Indian Social Institute) por manĝado kaj loĝado. La aliĝkotizo NE inkluzivas tiujn pagojn. Aliĝintoj ricevos retmesaĝon pri loĝado.

**Provizora programo**:

1. Ĵaŭde, la 12an de oktobro 2017: Registriĝo
2. Vendrede, la 13an: Inaŭguro kaj laborsesioj
3. Sabate, la 14an: Tuttaga(j) ekskurso(j)
4. Dimanĉe, la 15an: Laborsesioj
5. Lunde, la 16an de oktobro 2017: Fermo

**Pri la temo**: Ni ĉiuj ĝuas niajn lokajn kulturojn: niajn lingvojn, festojn, manĝaĵojn kaj vestaĵojn. Kaj kiel esperantistoj ni ĉiuj estas ankaŭ mondaj civitanoj, ĉu ne?

Kadre de la 2017 UN-jartemo pri daŭripova turismo, dum SAS-4 ni lernos pri la lokaj kulturoj de niaj mondaj civitanoj! Kaj ni dividos la spertojn esti samtempe kaj lokanoj kaj mondanoj.

Estos kompreneble multaj pliaj aranĝoj – kantado, lingvokursetoj, labortendaroj…. Ni pliriĉigos la programon dum la venontaj monatoj!

**Pri la urbo, Bengaluro**: Ni revenos al Bengaluro, la kongresurbo de la 5-a Azia Kongreso en 2008. Tiutempe, ni verkis paĝon esperantan pri la urbo. La reto abundas je informoj pri tiu ĉi vigla urbo. La vikipedia artikolo pri Bengaluro estas nur komencopunkto!

**Kontakteblecoj**:

- Por aliĝi al la grupo, vi povas ankaŭ sendi retmesaĝon al sas4barato+subscribe@googlegroups.com.
- Vi povas ankaŭ sendi retmesaĝon al s-ro Siva: kotha.nagasiva@gmail.com.

# Israelo

## Venonta Israela Kongreso

La estraro decidis okazigi la 19-an Israelan Kongreson en Akko, 26-28.4.2018.

La estraro aŭdis raporton pri la plej sukcesa reta inform-kampanjo de ELI: dum la lasta semajno preskaŭ dek mil personoj vidis la reklamon de ELI (vidu en https://www.facebook.com/ELI-Esperanto-Ligo-en-Israelo-116797228347467/). Kiel videblas en la resuma statistiko, reagis pli ol 1200 personoj, ĉefe viroj en la aĝoj 30-50.

Por la pli proksima estonteco la estraro decidis okazigi la Landan Kunvenon la 26.6 en la klubejo en WIZO kaj traktis la Esperanto-budon en la Jerusalema Libro-Foiro (11-15.6, afiŝo en http://esperanto.org.il/) kaj la dissendadon de la nova n-ro de Israela E-isto (http://esperanto.org.il/dosieroj/IE162_3.pdf) al la membroj kaj la eksterlandaj abonantoj.

La plena protokolo de la kunsido estos baldaŭ videbla en la estrara paĝo (http://esperanto.org.il/estraro.html)

Amri Wandel, Prezidanto de ELI

# Filipinoj

## La regula renkontiĝo de junaj filipinaj esperantistoj



La 26an de junio okazis regula renkontiĝo de filipinaj esperantistoj kaj baza enkonduko pri Esperanto al novuloj kaj komencantoj. Entute ĉeestis 10 homoj, inkluzive de familio de unu el niaj eminentaj membroj. 10 homoj -- tiu nombro estas al mi tre unika, ĉar en niaj renkontiĝoj tre malofte antaŭe partoprenis eĉ pli ol 5 homoj. Kvankam ni ne sukcesis superi la ĝisnunan rekordon (11), kiun ni atingis dum la pasintjara festo por Esperanto-Tago, estas certe, ke kio ĵus okazis donas novan senton de espero por la filipina Esperanto-komunumo.

Ĉeestis kvar novaj esperantistoj, inter kiuj du ankoraŭ ne membras al Fillipina Esperanto-Junularo (sed dum la tempo de verkado de ĉi tiu raporto jam membriĝis). Bona afero estas, ke ili ĉiuj estas entuziasmaj kontribui eĉ simplamaniere por la movado. Unu el ili eĉ proponis sian loĝejon grandan por havigi al FEJ komfortan renkontiĝejon! Tiu sama homo konsentis ankaŭ prezidi la organizan komitaton, kiun ni formis por la venonta festo de la Esperanto-Tago -- kiun ili rekomendis okazigi

la 15an de julio, precize por permesi la UK-partoprenontojn ĉeesti antaŭ ol nia flugo al Seulo (nu, mi dankas al ili pro tio). Mi certas, ke tiu festado fariĝos eĉ pli granda kaj sukcesa per iliaj belaj ideoj por ĝi.

Interalie dum la renkontiĝo, leviĝis la intereso de la partoprenantoj inviti fremdajn esperantistojn ĉi tien (sed kompreneble, tiukaze la invitito pagus por sia vojaĝo) por la venonta Esperanto-Tago. Mi ridetis kaj diris, ke temas pri freneza ideo, ĉar se ni invitus eksterlandanojn, tio okazu anstataŭe jam kiam kongresos la filipina junulara movado (afero, kiu okazos en ne tro proksima estonteco). Tamen, tiam leviĝis ankaŭ la intereso por okazigi kongreson. Mi ĝojas, ke tiel entuziasmas niaj lokaj samideanoj, ke ili jam antaŭĝojas renkonti unuafoje dum siaj vivoj esperantistojn el eksterlando kaj eĉ esplori la eblojn okazigi kongreson baldaŭ, kvankam oni devas multe plani por tio.

Mi estas tre ĝoja, ĉar kvankam okazis problemoj antaŭ kaj dum la renkontiĝo, ekzemple, mi povis finaranĝi kaj anonci la definitivan lokon nur la vesperon antaŭ la renkontiĝo-tago, kaj ke pluraj malfruis (devigante min iom prokrasti kelkajn gravajn programerojn al pli postaj horoj), ĉio tamen ekiris glate kiam ĉiuj jam ĉeestis kaj vivplene interparolis kun siaj ideoj, spertoj kaj demandoj. Mi estas esperoplena, ke ĉi tiuj homoj prenos Esperanton serioze kiel parton de sia vivo. Certe, kiel la gvidanto de la movado, mi strebos daŭre teni ilian intereson. Notindas, ke niaj aĝoj estas 18, 19, 20, 21, 21, 23, 23, 31, kaj 36 -- tial neniam malaperos juna sango el nia movado.

Ĉar ni estis multaj, ni povis kapti multe da fotoj. Pere de la fotoj, kiujn mi alkroĉas al ĉi tiu raporto, vi povas vidi kiel fruktodona kaj ĝuoplena estis la renkontiĝo. Ĉi tiun foton kaptis mi, bedaŭrinde kiam la kvar aliaj jam estis foririntaj.

Mi dankas al ĉiuj, kiuj ebligis ĉi tiun sukcesan renkontiĝon kaj petas daŭran subtenon de la Esperanto-movado por ebligi pliajn ege sukcesajn agadojn de la filipina junulara E-movado.

Albert Stalin Garrido albertstgarrido@gmail.com
Prezidanto de Filipina Esperanto-Junularo

# Indonezio

## Enkondukis Esperanton al la orf-domo tra pupteatraĵo

BANDUNG – Ĵaŭde (la 11an de januaro) la klubo de Ruĝa Formiko – kiu estas sub la ombrelo de la komunumo de Amikoj de la Muzeo de Azia-Afrika Konferenco, aranĝis pup-spektaklon en la orfdomo "Permata Hati" en Bandung kun titolo "Timun Mas" (Ora Kukumo). La programo estis kunlabora programo de Ruĝa Formiko kaj BEM (korpo de studento) de Politika kaj Socia Fako Universitas Pasundan "Pasundan instruas", la partoprenantoj aŭ spektantoj estis gelernantoj de baza lernejo kaj mezlernejo.

La programo celas enkonduki Esperanton al la gelernantoj en Bandung. La teatraĵo rakontas pri Mbok Sirni, maljunulino, kiu sentas sin malĝojega, ĉar ŝi ne havis infanon, ŝi sentis sin sola, ĝis iu giganto venis al ŝi. La giganto promesis, ke ĝi donu al Mbok Sirni esperon havi infanon. Ĝis Mbok Sirni akceptis iun semon de la Giganto, kaj la semo kreskis kaj donis oran kukumon, kaj el ĝi aperas bela infano, kiu estis nomita "Timun Mas". La giganto diris al Mbok Sirni, ke kiam Timun Mas maljuniĝas, ŝi devas reveni al la giganto por esti ĝia manĝaĵo.

Kiam la tempo venas, venas iu maljunulo al Timun Mas, kaj li donis al ŝi kudrilon, *terasi*-on (tradicia fermentadaĵo de fiŝaĵo) kaj kukumon por gardi Timun Mas de la atako de la giganto. Finfine Timun Mas povas liberigi sin de la giganto, ŝi kaj ŝia patrino vivas ĝojege.

Akbar (la prezidanto de la klubo) diris ke "La rakonto havas tre bonan valoron, ekzemple ni devas provi ion, se oni volas finon ĝojan. La rakonto estas taŭga por spektantoj, kiuj ankoraŭ lernas en la meza lernejo, ili antaŭvidas ekzamenon en la lernejo kaj por havi sukceson ili devas provi fari ion por atingi feliĉon".

La rakonto adoptita el la loka rakonto, kiu estis tradukita per Akbar (estro de la klubo), la rakontanto estas Rafli, kaj la ludanto estas Domingas/Nona (studento el Orienta Timoro) kiel Timun Mas, Asmi kiel Mbok Sirni, kaj Deri Fadil kiel la giganto kaj la saĝa maljunulo.

## Komerca, skolta, turisma grupoj atendas vin

Mentari Nusantara Youth Center (junula centro) en Pekanbaru-o, Riaŭ-provinco en suda parto de Sumatra insulo, Indonezio, enkondukis Esperanton al membroj kaj nemembroj en junio 2017 ĉe sia oficejo.



**Esperanto-kurso en Pekanbaru, Sumatra-Insulo, Indonezio.**

Pli ol 20 gejunuloj lernis Esperanton per reto, aplikaĵo de "Lernu Esperanton 12 tagoj". La komitato de tiu centro jam konsentis formi komercan, skoltan kaj turisman grupojn por doni laboron al gejunuloj. Ili ankaŭ volas starigi centron por KER-ekzameno.

Mi el Malajzio diskultis kun la komitatanoj, precipe kun s-ino Alfa Nonie, skoltino de Riaŭ-provinco. Ŝi konsentis formi Esperantan skolton baldaŭ. Trovu ilin en Facebook "Mentari Nusantara Youth Center" kaj filmeton pri la agado en Youtube "Esperanto en Pekanbaru-o, Sumatra-Insulo". Sinjoro ENG saluton2010@gmail.com

## Centra Azio

Danke al Tatjana Loskutova kaj Emiljo Cid, ni havas nun bonan kurson en la rusa en la reto: http://www.gazetaro.org/mamutido

Tatjana respondas eventualajn demandojn de lernantoj. Mi kredas, ke ni devas disvastigi la informon pri ĝi tra Centra Azio ĉefe inter la ruslingvaj loĝantoj en tiu regiono.

Pliajn informojn petu ĉe Tatjana Loskutova lota49@mail.ru .

## Vjetnamio

## La 5a Kongreso de Hanoja Esperanto-Asocio.




La 25an de junio 2017, ĉe la oficejo de Hanoja Patrujo-fronto, Hanoja Esperanto-Asocio sukcese organizis la 5an urban kongreson de Esperanto por la periodo 2017-2022. Kunvenis pli ol 60 esperantistoj de diversaj societoj krom gastoj, delegitoj de VEA, VEJO, Unio de Amikecaj Organizoj kaj ĵurnalistoj de urbaj gazeto, televido kaj radio.

Dum pli ol 2 horoj, kongresanoj interdiskutis pri bilanco de la pasinta periodo (2012-2017), agadplano de Esperanto-asocio en la sekvanta periodo (2017-2022), interkonsentis pri reguloj de la urba Esperanto-Asocio, elektis novan komitaton, en kiu s-ino NGUYEN THI PHUONG MAI fariĝis nova prezidanto de Hanoja Esperanto-Asocio. Interesa, arta programo dulingve esprimata de membroj de medicina societo alportis al kongreso multan ĝojon.

Okaze de la granda, grava evento de hanoja esperantistaro, Vjetnama Esperanto-Asocio kaj Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj disdonis multajn gratulatestilojn kaj donacojn al plej aktivaj membroj, grupoj de asocio, speciale Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj donis al s-ino DO THI TOAN (eksa prezidanto de HANEA) medalon pro paco kaj amikeco inter naciaj popoloj.

HA NGUYEN

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj, Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Aliaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-Kongreso pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2017/10/14-21: La 19-a Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentoj (Soĉi, Rusio)

Internacia Esperanto-Sumoo
la 48a Sumoo: 2017/09/10-24
la 49a Sumoo: 2017/11/12-26
Pli detale pri Sumoo vizitu
Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

## Azio kaj Oceanio

2017/10/13-16: La 4-a Sudazia Seminario (Bangaluro, Barato)
10/ 21-24: Ceremonio de 'Teo kaj Amo' (Huzhou, Ĉinio)
10/23: Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado (Hangzhou, Ĉinio)
10/21-23: La 49-a Korea Kongreso de Esperanto (Seulo, Koreio)
11/03-05: La 104-a Japana Esperanto-Kongreso (Jokohamo)
12/30-2018/01-02: Transjara Kurskunveno (Kameoka, Japanio)
2018/03/28-04/01: La 2-a Trilanda Kongreso de Esperanto (Bekasi, Indonezio)
04/26-28: la 19-a Israela Kongreso (Akko, Israelo)

## KAEM-anoj

Prezidanto: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vic-prezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

**Suda Azio**

Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**

Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai, goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: (s-ro) Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz

**Orienta Azio**

Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

**Retpaĝoj de KAEM**
(1) La retejo de KAEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
Vi tuj gajnos la permesan rajton de la ŝanĝado de la retejo.
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?
A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo
B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado
C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
Nun tute mankas informo pri kongresoj en 2017.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

Nomota Hiongun KIM hiongun@gmail.com

……………………………………………………………………………

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Retejo de KAEM http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3